2.ª Ep. AÑO II, N.º 5 (141) ENERO - FEBRERO 1964

# Boletin

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# GRAVA NACIA ESPERANTO-EVENTO



La 25a Hispana Jubilea Kongreso de Esperanto okazos en la bela urbo VALENCIA, de la 21a ĝis la 24a de julio 1964a. La bildo montras la interesajn vidindaĵojn, "La Turoj kaj Portalo "Serranos".

Amase aliĝu!

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA



## Jen nia sekretariino...

De la monato Aŭgusto, la sidejo de H. E. F. estas translokita en Zaragoza, same kiel Boletín, ĝia oficiala bulteno. De tiam ni sendis nian revuon interŝanĝe kun ĉiuj revuoj ricevitaj, kaj respondis al ĉiuj komunikaĵoj kiujn ni ricevis, kvankam kelkaj el ili alvenis prokraste, tial ke ni ilin ricevis pere de niaj antaŭuloj loĝantaj en Valencio. Sed la tempo forpasas, kaj mi deziras averti al ĉiuj kiuj ĝis nun ricevis Boletín, ke ni ne plu sendos ĝin, al tiuj kiuj ne adresu sian revuon rekte al Sekretariejo de H. E. F. en Zaragoza, same kiel ni ne respondos komunikaĵojn ne rekte ricevitaj.



## Anoncetoj:

BARCELONA (Hispanio) Sro. Evaristo Gil.—Apartado, 875. — Filatelaĵoj esperantaj, p.m. pk. glumarkoj, aĉetas kaj interŝanĝas.

LIMANOWA (Pollando).—Liceum Pedagogiczne. Maria Karteczka. Deziras korespondi kaj interŝanĝi bildk. ktp.

ZIELONA GORA (Pollando) Sr. Bohaterois Westerplatte, 9.—Roman Mazurkiewicz. Deziras interŝanĝi bele afrankitajn leterojn, ekslibrisojn, landkonindaĵojn kaj esperantaĵojn. Mi ĉiam respondas.

SOPOT (Pollando) Poste Restante. — Wlodzimierz Zaleski.—Interesiĝas pri muziko, pk. turistoj, geografio, folkloro, kantoj, disaŭdigoj (aŭkulti radion).

---

* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Valencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero.

* Belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako de H. E. F. vide al la Esperanto-Kongreso okazonta en Valencio de la 21.ª ĝis la 24.ª de julio 1964a. Prezo: Poŝtk, kvin ptojn la deko kovertoj, kvin ptojn la deko.

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

Vamos a celebrar nuestro XXV.° Congreso Español de Esperanto; nuestro Congreso jubilar. Y vamos a celebrarlo en Valencia.

Realmente, Valencia se lo merece. No solo por su belleza urbana en el marco luminoso e incomparable del Levante español, sino, también, por lo que en orden al Esperanto representa. En este punto, yo no puedo sustraerme al recuerdo de que mis primeros pasos en el esperantismo fueron alumbrados por aquel "sol español" *(La suno hispana)* que sobre las playas de aquel oriente español se elevaba, para repartirse en hojas impresas, como órgano oficial de la "Hispana Societo p. p. Esperanto", por el mundo entero; que, con Barcelona, Valencia guarda en exclusiva el recuerdo de la visita que el Dr. Zamenhof le hiciera cuando vino a presidir el V.° Congreso Universal celebrado en aquella capital catalana. Y en fin, dando un salto de muchos años, no es tampoco de olvidar la eficiente labor que desde Valencia realizara en estos últimos tiempos, la Federación Esperantista Española bajo la presidencia de nuestro actual Presidente de Honor, Dr. Herrero.

Por otra parte, el esperantismo español se encuentra en uno de sus mejores momentos, como lo demuestran la constitución de nuevos Centros y las continuas y pujantes manifestaciones de vida de los antiguos, lo que ha tenido su adecuado reflejo en los últimos Congresos Nacionales.

Quisiéramos que éste los superara; que fuera éste una magna concentración esperantista, cual corresponde a su antes aludido carácter jubilar; que a él vinieran cuantos esperantistas y simpatizantes con nuestro movimiento puedan, cuantos tienen fe o sienten simpatía en orden a los ideales de paz y fraternidad que el Esperanto comporta y a los que abre ancho camino como idioma auxiliar, al permitir de una manera única, que hombres de los más distintos países se entiendan y entendiéndose, se comprendan y comprendiéndose, se amen.

A todos, federados y no federados, os espera en Valencia

EL PRESIDENTE DE H. E. F.

*Miguel Sancho Izquierdo*

**La Redakcio de Boletin plezure raportas al sia estimata kaj simpatia legantaro, pri la diversnuanca agado de niaj samideanoj en pluraj lokoj por honori, festi kaj memorigi la naskiĝdaton de D-ro. Zamenhof.**

# TAGO DE ZAMENHOF

Mi ne povus preterlasi la okazon sen oferi mian modestan, sed sinceran omaĝon, al tiu genia arkitekto de la filologa strukturo kaj profunda pensulo, kiu estis la aŭtoro de nia lingvo.

Tute certe Zamenhof estas unu el tiuj originalaj, eksterordinaraj figuroj, kiuj kelkfoje aperas inter la vasta maro de la homamaso kun la percepta antaŭvido de la profeto kaj obstina persistemo de la apostolo. Preskaŭ de sia vivkomenco li havis senĉesan taskon, markitan meton, definitan celon; oferemo, kompreno kaj amo por ĉiuj homoj.

Lia tuta vivo estis dediĉata al tiuj noblaj aspiroj kaj la plej bela florkrono oferita al lia memoro estus sendube, perfekta interpreto de la homa kunvivado, same kiel revis, devus esti.

Ankaŭ mi deziras adresi la elkorsenton de mia admiro al liaj intimaj kunlaborantoj, la bravaj unuaj pioniroj de nia movado ,kiuj kuraĝe tenis kaj svingis tra la kvin kontinentojn, la verdan standardon de la Espero, malgraŭ la kontraŭstaro de kelkiuj aŭ indiferenteco de la plejmulto. La vojo kiun ili devis iradi ne estis tute glata kaj facila; liaj penoj kaj klopodoj faris realaĵon la starigon de la nuntempaj esperantaj organizoj.

La moderna mondkoncepto, kun la internaciaj kulturaj alproksimiĝoj, komercaj interŝanĝoj aŭ turismaj vojaĝoj, ĉiutage prezentas pli urĝe la bezonon de komuna idiomo.

En la kompetentaj organismoj oni serioze studas tiun problemon kaj oni ekpensas, ke inter la multaj projektoj prezentataj por ĝin solvi, Esperanto povus eble esti modelo de Universala Lingvo. Esperebe tiu decido estu al ni favora.

Ĉiuj kiuj konas la Zamenhofan verkon akceptas plendecide kaj unuanime ĝian altvaloran meriton pro ĝia matematika precizeco kaj gramatika logiko. Sed la merito de tiu harmonia kombinado ne sufiĉus. Estus floro sen parfumo, nepolurita diamanto, kvazaŭ senanima korpo; ĝi restus nur mekanika artefaritaĵo, se ĝi ne estus akompanata de tiuj du signifoplenaj simbolaj vortoj kiuj estas Interna Ideo.

La malkvieta mondo en kiu la juna studento Ludoviko faris siajn unuajn paŝojn tra la vivo, inspiris al li la deziron kiu daŭris ĝis lia morto, ke la suferoj de la homaro pro miskompreno aŭ malamo, estu almenaŭ mildigitaj per reciproka toleremo kaj respekto; konsiderante ke la homo estas la plej proksima heredanto de tiuj altaj moralaj valoroj kiuj pro tio mem devigas al li ĉiumomente, flankenlasi la subajn pasiojn kaj instinktojn rigardante alte en la Ĉielon.

Paralele al tiuj individuaj konsideroj, li samopiniis rilate al nacioj kaj rasgrupoj kaj agnoskis la suverenan rajton kiu havas por vivi de la plenpotencaj ŝtatoj ĝis la plej eta popolo, ne ĉar ili apogas sian memstaron sur la forto de sia armilaro, sed tial ke ili ekzistas kun siaj miljaraj kulturoj, tradicioj kaj religioj.

Plurfoje oni rimarkas klare kaj okulfrape en ĉiuj liaj verkoj, tiun deziron, tiun sopiron al plej perfekta interkompreno, ne nur laŭ materia senco, sed profunde kaj morale akceptata de ĉiuj. Efektive, estas multaj personoj, kies buŝoj prononcas la samajn vortojn sed kies mensoj ne parolas la saman lingvon, ĉar ilia reciproka kono ne estas perfekta kaj tio kion la buŝo diras estas regata de la cerbo sed ne estas sentata de la koro.

Kiam li revis pri sia entrepreno, Zamenhof deziris akordigi la plej rektajn korsentojn al la plej klaraj ideoj de la inteligento. Verŝajne la mondo klopodas sekvi lian ekzemplon kaj preferinde oni serĉas pli ofte la vojon de logika rezonado pli ol iam ajn dum la historio.

Ni kunigu niajn dezirojn por ke tiu kiu esprimas unu el la strofoj de nia himno estu realigita.

«La popoloj faros en konsento.
Unu grandan rondon familian.

*Angel Salete*



FORPASIS

NIA PIONIRO,

## Juan Flaquer Ponti

**Nia samideano Jaime Aragay Pujols komunikis al ni la forpason de nia samideano, laŭjene:**

Juan Flaquer estis 84 jara kaj unu el kiuj havis la privilegion interparoli kun D-ro. Zamenhof okaze de la 5.a Universala Esperanto Kongreso en Barcelona 1909.

Bona esperantisto, kaj kun denaska sinjora sinteno. Li ĉiam ĉeestis niajn Naciajn Kongresojn. Lia altira personeco ornamita de bela kaj blanka barbo, donis al niaj jaraj festoj elstarajn reliefojn. Lia afabla karaktero kaj ekstrema bonkoreco estis konataj de ĉiuj kiuj nur babiladis iomete kun li.

Rapide li trafis kapti nin pere de siaj sentoj homaranaj kaj sincera esperantismo. Unuvorte: vera kaj altranga kavaliro, brila ekzemplo de modesteco kaj sindonemo.

Ankaŭ forpasis S-ino Francisca Sifré Salvá, patrino de nia kara samideano Marco Aurelio Perlés Sifré, je la aĝo de 72 jaroj.

Al ties familioj ni esprimas nian sinceran kondolencon.



# Esperanto en Radio



La 23-an de Novembro, je la 9,10 h. matene kaj je la 10,10 h. nokte, mi pere de sonbendo parolis dum tri minutoj Esperantan lingvon, en speciala programo de Sveda Radio de Stockholmo. La programaranĝanto, kiu estas la fama sveda verkisto Rolf Blomberg devus viziti dek-du gravajn eŭropajn urbojn kaj prepari en ĉiu unuhoran programeron, laŭ la petoj kaj deziroj kiujn faris al li la aŭskultantoj de tiu disaŭdigo per letero antaŭ viziti la respektivan urbon.

Norvega samideano, kiu korespondadis kun mi dum la jaroj 1933-1939, petis al la programaraĝanto ke li serĉu min en Madrido, por ke mi sendu al li salutparolon kaj violonludu por li komponaĵon. Feliĉe S-ro. Blomberg trovis min pere de la telefonlisto; venis ĉe mi kaj sonbendigis esperantan salutttekston, kaj anstataŭ violonludi klasikan komponaĵon, mi kaj tri el miaj filoj ludis kune per violono, mandolino, liuto kaj gitaro, hispanan studentan muzikkomponaĵon.

La esperanta salutteksto estis propratempe tradukata en sveda lingvo pere de hispana teksto, do la programaraĝanto konis hispanan lingvon sed ne Esperanton. Li komencis la programeron per kelkaj linioj de mia iama korespondanto, S—ro. Otto Bakke kaj notoj pri miaj personaj cirkonstancoj kaj motivo de mia partopreno en la programo. Kelkaj tagoj post la disaŭdigo mi ricevis leterojn de Norvegujo kaj Svedujo parolante rilate la aferon; mi sciigas tion al vi ĉar mi konsideras ke ĝi estis efika maniero konstatigi la utilon de nia lingvo por perfektigo de la homaj rilatoj.

ANGEL FIGUEROA

# FESTO DE LA FONDINTO

## ZARAGOZA

*Prelego de nia Prezidanto D-ro Miguel Sancho Izquierdo*

**EUROPA UNIO KAJ KOMUNA LINGVO: ANTAŬ LA ZAMENHOF - TAGO**

Por dece soleni la 104an datrevenon de la naskiĝo de nia Majstro D-ro Zamenhof, nia nelacigebla Prezidanto D-ro M. Sancho Izquierdo, prelegis pri Eŭropa Unio kaj Komuna Lingvo ĉe la aŭditorio de la Klubo «Centro Mercantil», de nia urbo, la 14an de decembro 1963a.

Post danki al la Prezidanto de la Ateneo la afablan cedon de la Tribuno, kaj al la neesperantista publiko ĝian ĉeeston, D-ro Sancho Izquierdo brile traktis la temaron laŭ la jena ordo: La ideo de Eŭropa Unio kaj ĝia evoluo; kiom necese estas akcenti la spiritan sencon de tiuj ideoj; nuntempaj realigoj kaj estonta vizio; kiel neŭtrala lingvo povas plifaciligi la unuiĝon.

«Eŭropo —li diris interalie— ne nur estas geografia unio, sed ankaŭ spirita unio, pro tio ni devas ĉefe pensi pri spiritaj ligiloj, taŭgaj por unuigi la diversajn naciojn. Tamen, tio ne signifas ke ni devas neglekti aliajn ligilojn, sed ni devas akcepti ilin nur kiel necesajn rimedojn. Krom politika strukturo —Eŭropa Konsilantaro—; kaj ekonomia bazo —Komuna Merkato—, estas necesa komuna lingvo. La neŭtraleco de Esperanto (ĵaluzevita faktoro) faras lin la plej taŭgan lingvon ne nur por interkomprena bazo, sed ankaŭ —kune kun ĝia cetera ecaro— por krei inter la diversaj nacioj la necesan medion kaj etoson de fido kaj interkompreno».

Ĉe la fino de la prelego varma aplaŭdado tondris kaj nia Prezidanto estis gratulata de multaj samideanoj kaj neesperantistaj ĉeestantoj. Verdire, ni ĉiuj ĝuis, unufoje pli, la elokventecon, vastan kulturon kaj lertecon por prezenti skize sed tamen kontentige kaj klare la plej komplikajn problemojn, de la Prezidanto de H. E. F.

---

Ĉe la nokto, la Zaragozaj esperantistoj festis la eventon per frata vespermanĝo ĉe la tipa restoracio «La Casona». Ĝoja kaj alte samideana etoso ĉiumomente regis. Esperantistaj muzikaĵoj amuzis la festenon.

---

La Dimanĉon matene (15a decembro) okazis solena meso por D-ro R. Gastón kaj ceteraj samideanoj forpasintaj. Diservis la esperantista Pastro Rvdo. J. Nieto.

---

ALAR DEL REY. Niaj tieaj agemaj samideanoj, festis pompe kaj ĝoje la Zamenhofan tagon.

Kiel unua aranĝo ili kunveniĝis en la sidejo de la Grupo kaj post la bonvenaj salutoj estis elektita Fraŭlino Esperanto 1963-1964. La bela reprezentantino de nia samideanaro en Alar del Rey, estis investita de la distinga skarpo kaj ŝi estis longe aplaŭdata.

Tuj poste oni oficiale metis la stelinsignojn sur la kursfinintojn kiel premion al ilia studemo.

En la paroĥpreĝejo de la Sankta Virgulino de la Karmeno, estis oferita solena meso kun prediko al nia Sinjorino de la Espero, patronino de la esperantistoj.

Post la fino de la meso ĉiuj amase iris en la gruposidejon por ĉeesti la benon de la krucifikso en solena respekto.

Unufoje finita tiu pia ceremonio la samideanaro organizis fratan bankedon kie dum la tuta tempodaŭro regis ĝojplena etoso plena de bonhumoro ĝojkrioj kaj spritaĵoj.

Por fini estis organizita balo de frata amikeco inter esperantistoj kaj kursfinintoj.

BURJASOT (Valencia). — La esperanta rondeto kunvenis kaj noktomanĝis la 14.an de Decembro por celebri la Zamenhofan tagon.

La partoprenantoj amikece interparolis kaj tostis por ke nia kara lingvo Esperanto sukcesu. Ni publikigas foton de tiuj samideanoj entuziasmaj kaj laboremaj, kiuj en sia urbeto pacience agadas por nia afero.



De maldekstre: Sro. Carcel, Sro. Diego (Prezidanto de Esperanto rondeto de Burjasot), Sro. Bonara (Delegito de U. E. A.), Sro. Albero, kaj Sro. Soriano, Stare: Sro. Talens Kaj, Sro. Carrión.

VALENCIA. — Ankaŭ ni sciiĝis ke la Esperanto Grupo de Valencia organizis sian tradician ĉiujaran feston, kiel estas kutimo, ĉe tiuj veteranaj samideanoj.

La 14.an de Decembro kunvenis ĉirkaŭ naŭdek personoj por festi en interfrata bankedo la tagon de Zamenhof kaj samtempe oni honoris la meritplenan laboron de D-ro. Herrero dum li estris nian Federacion. Li respondis, en la sama lingvo kiu al li estis adresitaj, la laŭdo frazojn de S-roj. Devis, Lleonart kaj Miquel, tiu ĉi lasta Prezidanto de A. V. E.

La partoprenantoj al tiu bankedo gardos memoron de la amikeca etoso kiu regis dum la tuta vesperkunveno.

Ili ĉeestis al la solena meso la 15.an de Decembro, kie P. López predikis en Esperanta lingvo per klaraj kaj trafaj vortoj; li estis atente aŭskultata de ĉiuj.

Post la fino kaj spite la malagrabla pluvo kiu laŭ niaj informoj dense falis, ili iris sur la straton de D-ro. Zamenhof por meti sur la nomtabulon laŭrokronon. Ankaŭ estis portata laŭrobranĉo sur la tombon de samideano L. Hernández kies agademo kaj entuziasmo estas konataj de multaj samideanoj.

VILLAFRANCA DE ORIA (Guipúzcoa). — En provinca gazeto, aperis artikolo pri tiu nova kaj vigla Grupo, kiu jam estas bone konata en tiu urbo.

Tiu gazeto emfazas ke antaŭ nelonge oni komencis Esperantan kurson por ĉiuj kiuj volu ĝin partopreni.

La grupo ankaŭ festis kaj solenigis la Zamenhof tagon laŭ la programo kiu sekvas.

La 15an dimanĉo, la samideanoj ĉeestis meson en la paroĥpreĝejo de Sankta Maria de la Asuncio.

Post la meso kaj en la sidejo de la grupo oni prezentis la honorajn kaj fondintajn membrojn kun informo pri ilia agado. La kordorkestro «Laguntasuna» muzikludis, kaj je la fino ĉiuj tostis per hispana vinpokalo.

Ankaŭ estas interese mencii la partoprenon de pluraj samideanoj en la aranĝo de Kristnaska vivanta kadro. Oni kantis kristnaskajn kantojn, kiuj estis

ĝentile senditaj el Svisio de P. Flammer kaj kies traduko kaj klarigoj en Esperanto estis ankaŭ faritaj de li.
La Ordizia Esperanto Grupo bone komencas.

VALLADOLID. — Diversaj provincaj kaj regionaj gazetoj informas pri la gravaj festokazigoj organizitaj dum la Zamenhof — tago. Ni preskaŭ transkribos kion diras tiuj gazetoj.

Dimanĉon la 15an de Decembro la Esperanto grupo de Valladolid festis la memordaton honore de la kreinto kiel faras ĉiuj asocioj kaj grupoj de la mondo kaj ankaŭ oni celebras la feston de la Esperanta libro.

Matene ĉe la dekdua horo oni oferis meson en la preĝejo de Sankta Lorenco; faris la diservon P. Gabriel Herrero.

La flago de la grupo estis benita de P. David Sánchez del Caño kaj la flago estis portata de F-ino. Carmen Conde kiu estis akompanata de Fraŭlino Esperanto 1963, F-ino Rafael Urueña. Ili ambaŭ estis kapkovritaj de la hispana mantilo. Dum la meso estis legitaj la epistolo kaj evangelio tradukitaj al la Esperanta lingvo de samideano S-ro. Basílides Sanz kaj la pastro adresis al la kredantoj predikon laŭdante la liturgion de la tago ĉar la alveno de la Mesio alproksimiĝas kaj emfazis la entreprenon de la esperantistoj, kiuj simboligas per sia blankverda flago la esperon kaj la purecon de sia idealo.

Ĉirkaŭ la dua posttagmezo ĉiuj grupanoj kaj invitatoj kunveniĝis en eleganta restoracio por ĉeesti la bankedon. Estas rimarkinda en tiu okazo la vizito de S-ro Provincestra Moŝto kaj lia edzino kiuj afable parolis kun la ĉeestantoj antaŭ ol foriri.

Estis diversmaniere elmontritaj la kvalitoj de la helpa lingvo kaj oni gaje tostis por la atingo de la fina venko.

Ĉe la sepa horo oni organizis intiman vesperfeston en la societa sidejo de la grupo. Unue oni efektivigis la sekretan balotadon por elekti Fraŭlinon Esperanto 1964. Sur la estrado apud la Prezidanto estis F-ino Rafaela Urueña elmontranta la skarpon kiu poste devus transdoni al la elektita inter la naŭ belulinoj, pretaj akcepti la premion. Oni faris la sekretan balotadon kaj laŭ la rezulto estis elektita F-ino. María Cruz Gobernado. F-ino Urueña surmetis la distingigan skarpon al F-ino Gobernado kaj tondra aplaŭdado estis aŭdata. Fraŭlino Esperanto adresis la parolon al la publiko por danki emocie sian elekton kaj ŝi estis varme aplaŭdata.

Oni ankaŭ organizis konkursojn de poezio kaj kanto kaj estis disdonitaj monpremioj inter la gajnintoj.
Finfine ĉiuj kune kantis La Esperon.

Artikoloj pri tiu okazigo aperis sur sekvantaj gazetoj. Hoja del Lunes (Lunda Folio). Diario Regional (Regiona Ĵurnalo), Libertad (Liberco) kaj Norte de Castilla (Kastilia Nordo).

TENERIFO

Por festi la 15an de Decembro 1963, la Esperantista Societo de Teneriño aranĝis kulturan kaj propagandan programon. Interkonsente kun radiostacio, semajnon antaŭ la Zamenhof-tago estis disaŭdigita duonhora konversacio inter la reĝisoro de la stacio, loka ĵurnalisto kaj la membroj de Societo S-roj De Diego kaj Régulo.—La 15an, la Societo aranĝis ekskurson por 40 siaj gemembroj al unu el la urboj de la insulo, Icod, kie loka samideano, S-ro Manteca, preparis la terenon por publika prelego en la plej grava kultura societo. En ĉeesto de la urbestro kaj aliaj aŭtoritatoj, prelegis S-ro J. Régulo antaŭ plenplena salono pri Zamenhof kaj la nuna stato de Esperanto.—En la vespero de la sama tago, la indikita stacio, Radio Juventud de Canarias, dissendis apartan duonhoran programon honore al D-ro Zamenhof, en akompano de taŭga muziko el diskoj, kiujn la Societo pruntis al la stacio.—Ĉiuj aranĝoj estis vere sukcesaj kaj elvokis aproban eĥon kaj intereson plurloke.

Nian elkoran gratulon al tiuj kiuj organizis kaj partoprenis tiujn omaĝfestojn.



Parta vidaĵo de la samidena bankedo okaze de la Zamenhof-festo, en San Marcos, Icod, Tenerife.

# PER POŜTMARKOJ AL MARIA

Jam antaŭe ni parolis en E. K. pri tiu unuiĝo hispana, kiu havas membrojn en la tuta mondo kaj ankaŭ uzas Esperanton por la korespondado. Oni kolektas specialajn poŝtmarkojn, nome ĉiujn kun la bildo de aŭ rilate al la Dipatrino. Ekzistas eĉ speciala katalogo, kaj ĝis nun aperis pli ol 300 p.m. en tiu kolekto. Dum nia restado en Valencio mi vizitis la prezidanton de la Unuiĝo, nian afablan samideanon Carlos Mestre Descals, Serranos 20-3.º 1.ª En sia libera tempo li prizorgas ĉiujn aferojn de nomita unuiĝo, redaktas kaj multobligas monatan gazeton (en hispana lingvo), korespondas, donas informojn ktp. Lia laborĉambro estas vera muzeo: mi ne nur vidis belegajn kolektojn da Maria poŝtmarkoj, sed ankaŭ la vandoj estas preskaŭ kovritaj de ĉiuspecaj flagetoj el la tuta mondo, ĉiu prezentante iun imagon de la Virgulino, el la plej diversaj pilgrimejoj. Ankaŭ li kolektis jam tutan bibliotekon pri tiu temo.

La celo de la unuiĝo.—kiu ne fiksis kotizon por siaj membroj— estas, konduki la homojn al la Dipatrino pere de poŝtmarkoj; kolektante ilin, oni ĉiam denove vidas alian aspekton de la vivo de nia ĉiela Patrino!

S-ro Mestre volonte enskribos novajn membrojn, kiuj pere de la revuo povas serĉi kaj trovi korespondantojn por interŝanĝado, sed ankaŭ danke akceptos sendaĵojn de diverslandaj Maria-poŝtmarkoj, por disdoni ilin al infanoj, kiuj komencis tiun specialan kolektadon.

Ni deziras al nia simpatia samideano grandan sukceson en lia bela laboro.

T. DURENKAMP

## VILLANUEVA Y GELTRU

6.ª Barcelona Provinca Esperantista RENKONTIĜO dum la 26ª de aprilo 1964º.

Organizita de Esperanto Grupo Villanueva y Geltrú del Fomento Villanovés, kaj Instituto de Esperanto de Barcelono.

Sendu amase salutkartojn!!

# KATEDRO DE ESPERANTO

## EN LA

# UNIVERSITATO DE LA LAGUNA

*Unu el la revoj plej ame karesitaj, kaj unu el la celoj plej arde persekutitaj de la pioniroj de nia lingvo, estis —kiel nia historio atestas— la enkonduko de Esperanto en la oficialaj rondoj, precipe en lernejoj studcentroj kaj Universitatoj. La senĉesaj strebadoj kaj nekalkuleblaj penoj de niaj unuaj pioniroj por realigi tiun revon kreis bazon por pli facilaj pluiroj, kaj kiel kroman heredaĵon lasis al ni nevenkeblan entuziasmon, neskueblan fidon, pri la fina venko de nia nobla kaj homarfavora ideo.*

*Hodiaŭ, kun koro plena de sincera ĝojo, ni informas al niaj legantoj pri nova atingo de landa kaj eksterlanda graveco. Post 16 jara senĉesa klopodado de niaj samideanoj S-roj: J. Régulo, J. Maynar, kaj la bonvolemeca kaj inteligenta sinteno de la Rektora Moŝto Dro. A. Gonzalez, estis fondita KATEDRO DE ESPERANTO, ĉe la Instituto de Lingvoj de la UNIVERSITATO DE LA LAGUNA. Ni tre deziras, kaj fidoplene esperas ke tiu EPOKFARANTA EVENTO estos la unua en la granda vico kiu enkondukos nian lingvon en ĉiuj Universitatoj de nia lando.-Redakcio.*



**En la ĉefa ŝtuparo de la Filologia Fakultato, S-ro. J. Régulo, meze, en akompano de la universitataj aŭtoritatoj kaj edzinoj, kaj kelkaj el la ĉeestintoj dum la unua leciono de la ĵus fondita katedro de Esperanto, Universitato de La Laguna.**

La 7an de decembro 1963 la Estraro de la ŝtata universitato de La Laguna, Hispanujo, fondis oficiale Katedron de Esperanto en sia Instituto de Lingvoj. En tiu Instituto jam ekzistis katedroj de Angla, Araba, Franca, Germana kaj Itala Lingvoj; do Esperanto estas la sesa samranga.

Ĉi tiu decido de la Universitato de La Laguna kronis 16-jaran klopodadon, kiu komenciĝis, kiam, dum la lernojaro 1946-1947, je peto de S-ro J. Régulo, la tiama dekano de la Filologia Fakultato, Prof. D-ro E. Serra, permesis la unuan provon de libera instruado de Esperanto.

Post du kursoj, reakcia rektoro nuligis tiun aranĝon, kaj nun en 1952 estis denove permesite instrui Esperanton sub la egido de la Universitato, kiel liberan lernobjekton kaj sen oficiala agnosko. Poste, en 1955, per dekreto de la tiama rektoro, estis duonoficialigita tiu instruado en iaspeca lektorato: oni oficiale akceptis enskribiĝon de gelernantoj kaj oni povis poste peti ateston pri ĉeesto je tiuj kursoj. Sed pro tio, ke la kursoj funkciis nur laŭ dekreto de la rektoro, ĉio dependis de lia bonvolo; kaj efektive en 1961 li haltigis la funkciadon de la kursoj. Post tio, dum du sinsekvaj lernojaroj kelkaj profesoroj de la Universitato daŭre klopodis restarigi la kursojn, sed sensukcese. Nun, en la fino de septembro 1963, estis enoficigita nova rektoro, kiu bonvole atentis la motivadon de la pledantoj por Esperanto, ĉefe de Prof. D-ro J. Maynar, kaj ordonis al la kompetenta instanco de la Universitato enketi pri la afero kaj informi la Estraron. Post tiu normala proceduro kaj favora informo, en la dato supre indikita la Estraro kreis la Katedron de Esperanto.

La kreo de Katedro de Esperanto en ŝtata universitato estas unuaranga precedenco en Hispanujo, ĉar por la unua fojo en tiu lando oni donas al la Internacia Lingvo plenan oficialan universitatan agnoskon, en rango tute egala al tiu de aliaj gravaj lingvoj de kulturo.

Tuj post la kreo de la katedro, la Universitato anoncis periodon por enskribiĝo, kaj sin anoncis 48 gelernantoj. La inaŭguro de la nova oficiala kurso de la Lingvo Internacia okazis la 21-an de januaro 1964, en ĉeesto de universitataj aŭtoritatoj, kaj la malferman lecionon faris la jama profesoro de la Universitato kaj nun ankaŭ katedra profesoro de Esperanto S-ro J. Régulo Pérez. La loka gazetaro amplekse kaj simpatie raportis per informaj artikoloj, intervjuo al S-ro Régulo ktp.

Kiel dankon de Esperantujo al la universitato, kiu pioniris nian aferon en la supera instruado de Hispanujo, estus tre oportune sendi gratulajn kaj dankajn leterojn en Esperanto al la Rektora Moŝto Prof. D-ro A. González, Universidad de La Laguna, Canarias, Hispanujo.

## ✳ *Ni legis por vi...*

*AVENTUROJ DE PIONIRO. Personaj rememoroj. Edmond Privat. Enkonduka noto de Henri Vatré. Kovrilo de D. H. Young. STAFETO: Beletraj ajeroj, 17. J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1963. 12 × 19 cm. 162 (144 teksto + 18 bildo) paĝoj. Prezo 1'80 usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).*

Recenzi verkon de eminentulo estas ja delikata kaj danĝera tasko, eĉ mi riskus diri —nenecesa, kiam— kiel en ĉi tiu kazo— la aŭtoro jam atingis merititan famon interalie pere de verkoj, ĉu lernigaj, ĉu historiaj, ĉu literaturaj, kiuj fulmece trakuris Esperantujon.

La «Aventuroj de Pioniro» —personaj rememoroj— konsistas el 55 prelegoj verkitaj de la aŭtoro inter oktobro de 1952 kaj junio de 1954 kaj disaŭdigitaj poste de la Berna radiostacio.

Ĉi tiu kolekto de «vivantaj» travivaĵoj, redaktitaj en rekte simpla, mirige klara stilo, estos valora dokumento por la historio de nia lingvo. Tiu ĉi libro kiun alte taksos ĉiu klera esperantisto estas impona galerio de elstaruloj: la konata komponisto Moscheles; la fama psikologo kaj filozofo W. James (rememoru pragmatismon!); W. Stead (spiritismo-esploristo); Prezidanto Roosevelt; la iamefama psikologo Flurnoj; Prezidanto W. Wilson, kreinto de la Ligo de Nacioj; Romain Rolland (ĉiam neforgesebla), ktp. ktp. Rimarkindaj estas la kortuŝaj renkontoj de la aŭtoro kun majstro Zamenhof, Gandhi patro kaj filo; Nehru...; kiom kore granda aperas nia Edmond Privat en ĉi tiuj paĝoj kiuj atestas rektan konsciencon, grandan amon al la proksimularo, neordinare ekvilibran menson, senkondiĉan fidelon al la vero; kaj krom ĉio amon, grandan amon al la lingvo Esperanto kune kun plena konscio pri ĝia rolo por la evoluo de la Homaro. Tiu ĉi libro estas nekontestebla pruvo de la dumviva sindediĉo de la aŭtoro al nia afero, de lia senlaca strebado cele al ĉiam plua paŝ-et-eg-o antaŭen, al la fina venko, al la fakta realigo de idealo kiu estis, laŭ ĉiu povas konstati, la vera Nordo de lia tuta vivo.

Kiel historia dokumento, kiel literatura verko ĉi tiu libro fakte meritas kaj rajte konkeros unuarangan lokon en la konstelacio de la Esperantista verkaro.

N. L. ESCARTIN

*HOMOJ SUR LA TERO. Stellan Engholm. Romano. Enkonduka skizo pri Stellan Engholm (1899-1960) de Ferenc Szilágyi. Kovrilo de David Hastie Young, STAFETO: Belliteratura Serio, 21.—J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1963. 16'5 × 22'5 cm. 236 paĝoj plus 4 ekstertekstaj bildopaĝoj. Prezo: broŝ. 2,00; tolbind. 2'80 usonaj dolaroj (au egalvaloro).*

Tiu ĉi romano de la sveda esperantisto Stellan Engholm, premiita en Literatura konkurso (1931) kaj publikita unue en eldono de Literatura Mondo (1932) restas ankoraŭ tre aktuala spite la tri jardekoj forpasintaj post ĝia apero.

La literatura teksaĵo de la verko estas tre alloga, kvankam tre simpla, tamen tiu simpleco kunhelpas al la reliefigo de la karakteroj de la homoj kies vivoj, laŭŝajne tre ordinaraj, baldaŭ altiras la atenton de la legantoj pro ĝia interna riĉeco.

Jam ekde la unuaj paĝoj oni sentas sin vivanta ĉe Grandtorento. La ĝojojn kaj malĝojojn, iluziojn kaj senreviĝojn, laciĝojn kaj dolorojn de ĝiaj loĝantoj oni mem tre veke kunsentas ĉar —laŭ mia opinio— la ĉefaĵo de la libro estas la priskriba lerteco de la aŭtoro kune kun lia akra, neordinara intuicio por profunde enpenetri en la homan animon kaj eksterigi ĝian enhavon per lingvaĵo skiza, trafa, kaj kelkfoje mirige laŭcela.

Por F. Szilágyi, same kiel por mi, la kerno de la libro troviĝas en la jena citaĵo:

«La tero havas grandan sencon, li diris. Ĝi nutras nin, nutras la grandan multmilionan homaron, bestojn kaj kreskaĵojn, kaj el ĝia senluma, silenta profundo ĝermas vivo kaj belo. Suno kaj tero estas la grandaj potencoj en la vivo. Suno kaj tero en kuniĝo donas vivon kaj renovigas vivon.

«Se vi komprenas tion, vi ankaŭ komprenas ke laboro estas granda afero. Se oni ne pensas pli profunde, la terpomoj en la kelo, panoj en la provizejo kaj fojno en la fojnejo povas ŝajni negravaj aferoj. Sed kio fariĝus el ni se tio mankus? Kaj tion la tero donis al ni.

«Vi diras, ke tio ne sufiĉas... Ni penadas kaj celadas, kien, eĉ ni mem ne scias bone. Sed kiel ajn ni sopiras, kiel ajn niaj pensoj penadas la tero nutras nin. Tial la laboro estas sankta. Al tio

ĉiuj rilatas. Ni ĉiuj estas infanoj de suno kaj tero, de ili ni komune dependas.

«Tial ni devas kuniĝi kaj kompreni la teron kaj unu la alian. Tiam la laboro ricevos novan sencon.»

Fine mi kore rekomendas la legadon de ĉi tiu bela rakonto kiu cetere enhavas tre saĝajn frazojn al ĉiu esperantisto ĉar ĝi inde rajtas trovi lokon en ĉiu bona biblioteko.

N. L. ESCARTIN

# LA KONGRESA SPIRITO

— *CIRANO* —

La natura kaj logika festo de la tutmonda esperantistaro estas, ja, la datreveno de la naskiĝtago de la Fondinto.

En tiu dato, en plej etaj lokoj en la mondo, eĉ en tiuj kie sole loĝas unusola esperantisto, okazas festo, pli malpli esotera, pli malpli brua kaj kamaradeca. Unuopuloj, en lokoj malproksimaj de samideanaj fokusoj, ankaŭ festas siamaniere kaj meditas pri la bonŝanco kiu enigis ilin en niajn vicojn, kiuj konsistigas eksponenton de homa bonvolo kaj komprenemo.

Sed, tiu festo, simpatia kaj alloga, estas, kompreneble, limigita al la kunestado de samlokaj samideanoj, kiuj, laŭlonge de la jaro, trovas multajn okazojn por renkontiĝi, dum la diversaj manifestadoj de la esperantista vivo. Ni povas aserti ke tiu festo estas kiel la plifirmigo kaj konfirmo de la grandfamilia spirito de la tutmonda samideanaro.

Sed, ĉiu esperantisto konscias ke sia aniĝo signifas partoprenon en granda, senlima kaj tutmonda entrepreno. Revuoj, gazetoj, bultenoj kaj radielsendoj konfirmas tion al ĉiuj, kaj tiuj rimedoj estas la kutimaj argumentoj kiujn ni proponas por konvinki la dubemulojn kaj skeptikemulojn.

Tamen, ni ĉiuj scias ke la vera eksponento de nia forto kaj de nia vero, la fakto, videbla kaj aŭdebla, kiu pruvas nian pravon, estas la kongresoj. Eĉ la naciaj kongresoj de Esperanto, kiuj povus efektiviĝi sen bezono de Esperanto, estas la frapa pruvo de la kapablo de nia lingvo por solvi la ĥaoson en kiu dronas nia mondo.

Ni ĉiuj devas konscii pri la forta impreso ĉe eksteruloj, farita de la kongresa efektiviĝo; ĝi konvinkas tiujn kiuj, ĝis lasta horo, primokis Esperanton, kaj tiu estas la kialo por la nepra organizado de kongresoj, al kies elmontrado la organizantoj devas inviti la lokan kaj tutlandan gazetaron, por pligrandigi la efekton de tia pruvo.

Por ni, esperantistoj, kiuj bone taksas la spiritan flankon de nia movado, kaj konscias pri la kora aspekto de la kongresaj renkontiĝoj, la dato de ĉiu venonta kongreso estas sopirata, de longaj monatoj, ne nur pro la ideala signifo de la kunveno, sed, ankaŭ, pro la plezurado okazonta, fare de la persona renkontiĝo kun malnovaj samideanaj konatuloj, pli familianoj ol amikoj, veraj fratoj, al kiuj ni nin turnas dum tiu festo, kiu estas, ĉefe, la festo de la amikeco, specimeno de estonta tutmonda amikaro.

Tia estas la vera kongresa etoso, kiun oni bone taksas kiam, pro neeviteblaj cirkonstancoj oni ne povas partopreni ĝin. Nur tiam oni konscias pri la kongresa neceso, por satigi nian spiritan deziron.

Vojaĝoj, ekskursoj, festoj kaj festenoj, eĉ la kutimaj solenaĵoj, partopreno de elstaruloj, k.t.p., estas nedubindaj allogoj, kiuj konsistigas la kongresan atmosferon, kompletigante ĝin. Sed, por ĉiu vera, serioza samideano, la vera esenco de la afero estas tiu persona kontakto, kiu naskas la kongresan spiriton, tiun heroldon de la estonta kunfrata sento ,kiu regos en la mondo kiam ĉiuj povos senti kaj «diri» al ĉiuj homoj, kie ajn sur la tero, en nia komuna lingvo, ke ili estas niaj fratoj, kaj ke ili tion bone komprenos, ĉar tiam, Esperanto fosis sian lastan sulkon, sur la kampo de la tutmonda kompreno.

—— oOo ——



# NOVAJ ESTRAROJ

Laŭ la statutoj kaj post ĝenerala akordo, la novaj estraroj de la ESPERANTA GRUPO STELO DE PACO, kaj ESPERANTISTA SOCIETO DE TENERIFO estas nun la jenaj:

ESPERANTISTA SOCIETO DE TENERIFO (ESTO); Tenerife: Prezidanto: S-ro R. Rodriguez Peña; Sekretario: S-ro N. Pérez Alvarez (elirinta Prezidanto); Kasisto: S-ro A. Prombrol, kaj anstataŭantoj S-roj De Diego, Ferrer kaj Palmero. La aliaj estraranoj restis la samaj, ĉar oni elektas ĉiujare nur la duonon de la estraro.

---

ESPERANTA GRUPO «STELO DE PACO» Barcelona: (Str. Teruel, 26). Prezidanto: D. Pablo Claramunt; Vicprezidanto: S-ro Bernardo Gracia Miguel; Sekretario: S-ro José Bienvenido Clavé; Vicsekretario: Sro Tomas Alberich Jofre; Kasisto: S-ro Marcos Porull; Vickasisto: S-ro Antonio Bohigas Ferrán; 1.a Voĉdonanto: S-ro Ricardo S. Güell; 2.a Voĉdonanto: S-ro Pedro Nuez Pérez; 3.a Voĉdonanto: S-ro Juan Dueñas; 4.a Voĉdonanto: S-ro José Veciana Balart; Bibliotekisto: S-ro Salvador Magriá Bertrán. Tiu ĉi Grupo dezirus kunlabori kun ĉiuj Esperantaj grupoj el Hispanio.

AL ĈIUJ NOVAJ ESTRARANOJ NI DEZIRAS SUKCESON KAJ FRUKTODONAN LABORON!



# Gramofondiska Klubo

*Muzika Fako de la Hispana Esperanto Instituto*

La HISPANA ESPERANTO INSTITUTO, konscia pri la grava rolo kiun la muziko ludas en la kultura kaj spirita disvolviĝo de la homoj, organizis muzikan fakon —GRAMOFONDISKAN KLUBON— celante eldonigi en Esperanto la plej belajn, klasikajn, folklorajn kaj modernajn kantojn. La valoro de tiu entrepreno kiel plua interesigaĵo al nia afero ne bezonas specialan relifigon ĉar altiĝas «per si mem».

Al ĉiu konscia esperantisto ne estos fremda la graveco de tiu entrepreno kiu meritas ĉies entuziasman apogon. Pro tio, ĉar ni konsideras vin pretaj fari propagandon al nia lingvo per ĉiuj eblaj rimedoj, varme petas vian subtenon kaj vin sugestas la jenon:

Ĉiu loka grupo helpu per la aĉeto de ekz. DEK gramofondiskojn (1 aŭ 2 fojojn jare) kiujn ĝi povus disvendi inter la grupanoj.

Ĉiu unuopa esperantisto aĉetu almenaŭ UNU por propra amuzo kaj —se bezone— ankaŭ aliajn por okazaj pagoj (kelkfoje malfacilaj), donacoj, interŝanĝoj aŭ iaj kompensoj kun eksterlando.

NEPRE KUNHELPU!!

Detalpete bonvolu vin turni al INSTITUTO DE ESPERANTO, «Disco Club» Apartado 1073, aŭ al fraŭ Maria Pilar Naudí, Agricultura 254, 3.°, ambaŭ ĉe BARCELONA.

---

I N T E R S T E N O

S-ro Nicolás L. Escartín, Str. Fernando el Católico, 16, 6.° izqda. ZARAGOZA fariĝis peranto de INTERSTENO por Hispanio. ESPERANTO: INTERNACIA LINGVO. INTERSTENO: TUTMONDA ALFABETO.

## 25ª HISPANA JUBILEA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de la Hispana Esperanto Federacio

Okazonta en Valencio de la 21ª ĝis la 24ª de Julio 1964ª.

Adreso de la Organiza Komitato: Sekretariejo de H. E. F.

Str. Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA

Loka kongreskomitato: Prezidanto: S-ro. Santiago Miquel Planas; Sekretario: *Angel Mañero González*; *Kasisto Miguel Saballs Radresa*; Voĉdonanto 1.ª *Rafael Herrero Arroyo*; Voĉdonanto 2.ª *Francisco Amorós Rico*; Voĉdonanto 3.ª *José Pérez Catalá*; Voĉdonanto 4.ª *José Pérez Sempere*; Voĉdonanto 5.ª *Juan Devís Calpe*.

## 49-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

DEN HAAG, 1 - AŬGUSTO 1964

Sub la Alta Protekto de Ŝia Moŝto Juliana, Reĝino de

NEDERLANDO

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-2

NEDERLANDO

La 8-paĝa elegante eldonita Unua Bulteno de la 49-a Universala Kongreso, kun bildoj pri Hago, listo de Perantoj kaj provizora programo, estas senpage ricevebla kune kun la aliĝilo, ĉe la perantoj kaj de la C. O. de U. E. A.

## XXX-a KAJ JUBILEA KONGRESO DE LA

Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE)

Valencia 23 - 29 JULIO 1954

Sendu la aliĝon al la adreso de D-ro R. Herrero Arroyo Sekretario de la Kongreso, Calvo Sotelo 11 Valencia.

Kaj sendu samtempe la kotizon al: Viajes Meliá, Paz 41, Valencia, kun la indiko «Por la IKUE-Kongreso 1964». Ne sendu la monon al la sekretariejo.

# LITERATURA KONKURSO DE H. E. F.

En la kadro de la 25ª HISPANA JUBILEA ESPERANTO KONGRESO okazos Literatura konkurso laŭ la jenaj kondiĉoj.

I — Temoj:

A) ORIGINALA POEZIO. Libera elekto pri rimo kaj metriko, ne pli longa ol kvardek versojn.

B) TRADUKA POEZIO. Esperanta traduko de la poemo de CALDERON, *"A las Flores"*.

C) ORIGINALA PROZO Historia aŭ turisma temo pri Hispanio, ne pli longa ol 2.500 vortojn.

D) ORIGINALA PROZO. Libera temo, ne pli longa ol 2.500 vortojn.

II — Premioj:

1 premio por ĉiu temo.
1 honoriga mencio por ĉiu temo.

III — Limdato por ricevo de verkoj: 21 junio 1964.

IV — Sendu tri kopiojn de la verkoj (nepre tajpitaj) al la Organiza Komitato de la Kongreso, per rekomendita poŝto. Sur la koverto oni skribos preslitere la jenajn indikojn:

Por la Literatura Konkurso de H. E. F.
Organiza Komitato. Secretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35: 4.º dcha.
ZARAGOZA

Sur la dorso de la koverto oni indiku la nomon kaj adreson de la aŭtoro.

Jen la teksto de la poemo "A LAS FLORES"

Éstas que fueron pompa y alegría,
despertando al albor de la mañana,
a la tarde serán lástima vana
durmiendo en brazos de la noche fría

Este matiz que al cielo desafía,
iris listado de oro, nieve y grana,
será escarmiento de la vida humana:
tanto se aprende en término de un día.

A florecer las rosas madrugaron,
y para envejecerse florecieron.
Cuna y sepulcro de un botón hallaron.

Tales los hombres sus fortunas vieron:
en un día nacieron y expiraron,
que, pasados los siglos, horas fueron.

*CALDERON*

Tip. C. Boloix - Armas, 72 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63